# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 390

**Redakto-skipo**

Direktado: Juanjo Vera

Kompostado: Jorge Pavón

Revizio: Miguel Hernández, Jesus García Cano

bulteno@esperanto.es



**Hispana Esperanto Federacio**

***Federación Española de Esperanto***

Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7

ES-28015 Madrid

admin@esperanto.es

Tel (34) 914468079

Konto en BBVA:

0182-1252-31-0204011961

Nuntempe ni ne havas fiksan deĵorhoraron, bv. lasu vian mesaĝon al automata telefonrespondilo (914468079) aŭ sendu poŝtinterretan mesaĝon al admin@esperanto.es. Dankon



Presejo: Gráficas Aurora, Zaragoza
DL-Z-334-90

*"Ne fidu fidelulon, fidu propran okulon."*

*Zamenhofa Proverbaro*

Karaj gelegantoj,

Mi estas Juanjo, la nova redaktoro de nia bulteno. Vi havas en viaj manoj nian komunan aferon, nia "Boletín". Mi estas parto de nova skipo, kiu volas fari interesan bultenon. Sed ni bezonas vin.

Kiel mi diris antaŭe ĉi tiu estas nia "Boletín" la bulteno de ĉiuj membroj kaj samideanoj de HEF. Ni faras la teknikan laboron, sed ni bezonas viajn interesajn aferojn por ĝi. Se vi volas sendi artikolojn, novaĵojn, fotojn, ktp. ili estos bonvenaj! Nun, multaj partoprenos en diversaj renkontiĝoj, do, ni atendas viajn fotojn kaj rakontojn pri ili.

En ĉi tiu numero ni parolas pri diversaj aferoj de la Federacio, pri la venonta kongreso en Santiago kaj aliaj artikoloj. Mi esperas ke ĝi estos interesa por vi.

Ĝis la venonta numero kaj feliĉan someron!

Juanjo

kovrila foto:"La laŭtlegintoj post la legado de Don Kiĥoto"

# Protokolo Estrarkunveno de HEF 2010-03-14

Loko: Oficejo de HEF

Partoprenantoj: Pedro Hernández, Raúl Martínez (interrete pere de “Skype”), Juan Trenado, Miguel Hernández kaj Félix M. Jiménez.

**1.- Estrar-agado:**

➢Konsiderante la ricevitajn plendojn el kelkaj anoj rilate al la malfruo de “Boletín” kaj konsekvence la mankon da informo pri la agado de HEF, la estraro decidas fari novan retan informilon, kiu estos sendota monate pere de la dissendlisto “HEF-anaro”. Tamen, revizante la historion rilate al la eldonado de Boletín, oni rimarkas, ke ĉi sama situacio okazis dum la jaro 2007 pro la sama kialo: demisio de la redaktoro. La Prezidanto rimarkas ankaŭ, ke la laboro de la estraro estas tute volonta kaj petas helpon denove al la anoj por kontribui al la bona funkciado de la Asocio.

**2.- Projekto 2010:**

➢La “Paneloj” de la vojaĝanta ekspozicio estos en Almagro dum la IRo2010 kaj poste en Santiago dum la HK2010. En oktobro estos ekspozicio en la kvartalo Villaverde de Madrido. Oni petis ilin ankaŭ el Santandero kaj Asturio por eventualaj ekspozicioj.

➢Projekto “Bitigo”: la projekto marŝas

bone. Nuntempe la volontuloj de la skipo, gvidataj de Ana Manero kaj Miguel Ángel Sancho, skanas la fotaron de HEF kaj komencas skani aliajn materialojn. Oni aprobas la aĉetadon de speciala skanilo (ĝi kostos ĉirkaŭ 300 eŭrojn), sed oni esploros eblecon peti subvencion al *Ministerio de Cultura*.

➢Renkontiĝoj:

**-IRo2010** en Almagro: ĉi-jare la vico por organizi la Iberian Renkontiĝon estas de HEJS, kunlabore kun EMAS (Esperanto Manĉa Asocio), PEJ (Portugala Esperanta Junularo) kaj KEJ (Kataluna Esperanta Junularo). Oni aprobas antaŭpagi al HEJS 500,00 € por subteni la organizadon, sed EMAS petos subvencion al Provinca Deputitaro de Ciudad Real, se tiu estos atingota la mono estos redonota al HEF.
**-Hispana Kongreso** en Santiago de Compostela: la LKK informis, ke finfine ne eblis atingi komunan restadejon, do la partoprenantoj devos zorgi ili mem pri loĝadon kaj manĝadon. Tamen jam estas kongresejo. Mankas nur konkretigi la programon.

➢Kursoj: Pedro Hernández gvidis komencan kurson kaj nun planas gvidi konversacian, ambaŭ en la HEF-sidejo.

**3.- Boletín:**

➢Finfine la estraro trovis homojn por fari skipon por eldoni Boletín. La kunordiganto estas Juanjo Vera kaj la kompostisto Jorge Pavón. Boletín n-ro 389 jam estas preskaŭ finita, kaj oni esperas eldoni n-ron 390 antaŭ la HK.

**4.- Kontoj kaj memoro 2009, buĝeto 2010:**

➢La estraro prezentas kaj aprobas la kontojn kaj memuaron 2009, kaj la buĝeton 2010. Ĝi aperos en Boletín n-ro 390.

**5.- Ordinara Ĝenerala Kunveno:**

➢Oni alvokos Ordinaran Kunvenon maje la 13an 2010 por aprobi kontojn, memoron 2009 kaj buĝeton 2010.

**8.- Aliaj aferoj:**

➢Dum oktobro 2010 en Urbodoma Kultura Centro en la kvartalo Villaverde (Madrido) okazos la jam menciita ekspozicio de la paneloj. La respondeculoj de la centro permesas ankaŭ fari prelegon, kurseton, ktp. Oni faros ion, almenaŭ unu vesperon dum la semajno de la ekspozicio, sed ankoraŭ ili ne decidis kion fari, kaj kiun povos prizorgi.

➢Alfredo González, iama ano de MEL de antaŭ preskaŭ 30 jarojn, venis en oficejon kaj petis helpon por traduki resumojn de artikoloj de revuo, kiun li mem eldonas. La revuo ("Germinal") temas pri anarĥiismo, kaj oni eldonas du numerojn jare (inter 4 kaj 5 artikoloj en numero) kaj la celo de la traduko estas montri la utilecon de E-o. La estraro decidas transdoni la taskon al SATeH, ĉar la afero pli rilatas al ĝi ol al HEF.

La Sekretario:Félix Manuel Jiménez Lobo

La Prezidanto: Perdro Hernández Úbeda

# Ordinara Ĝenerala Kunsido 2010-5-13

La 13-an de majo de 2010 je la 18:30 horo (dua alvoko), okazis la Ordinara Ĝenerala Kunveno en la oficejo de HEF (strato Rodríguez San Pedro, 13, 3º-7, Madrido). Ĉeestis kvar estraranoj: la Prezidanto Pedro Hernández, la Sekretario Félix Manuel Jiménez, La Kasisto-Librotenisto Raúl Martínez kaj la voĉdonanto Juan Trenado, kaj partoprenis ankaŭ tri anoj: Toño del Barrio, Manolo Parra kaj Lupe Sanz (ĉi lasta reprezentata de Manolo Parra).

**1.- Aprobo de la kontoj kaj kas-stato de 2009.**

➢La kasisto, Raúl Martínez, klarigas la ŝanĝojn okazitajn en la kontoj pro la nova leĝo de librotenado. Poste, la kontoj, prezentitaj en la Boletín n-ro 389, estis aprobitaj unuanimece.La sesio disvolviĝis laŭ la jena tagordo:

**2.- Aprobo de la Raporto pri aktivaĵoj de 2009.**

➢Toño del Barrio petas klarigojn rilate al kelkaj punktoj de la raporto. La Sekretario Félix Jiménez detalas al li la uzitajn gvidliniojn por skribi ĝin. Poste, la raporto, prezentata en la Boletín n-ro 389, estis aprobita unuanimece.

**3.- Aprobo de la Buĝeto por 2010.**

➢La Buĝeto, prezentata en la Boletín n-ro 389 estis aprobita unuanimece. Tamen, kaj pro la supraj menciitaj ŝanĝoj en la leĝo, la nova oficiala buĝeto restas iom malklara, do oni decidas publikigi ĝin ankaŭ laŭ la malnova maniero en iu venonta Boletín.

**4.- Sugestoj kaj demandoj.**

➢Toño del Barrio, nome de "Fundación Esperanto", demandas ĉu HEF povos helpi al ĝi, ekz. por la projekto Latinameriko. La Prezidanto Pedro Hernández respondas, ke certe HEF helpos laŭ eblecoj.

➢Lupe Sanz (reprezentata de Manolo Parra), demandas kiom da grupoj pagis la kotizon dum 2009 kaj volas scii kiujn, sed nur se tiu informo estas publika. La kasisto respondas, ke pagis la kotizon entute 12 grupoj, kaj la sekretario respondas, ke la informo ne estas publika pro la "leĝo de protektado de datumoj", tamen oni povas informi al unuopa ano sen disvastigi la informadon al aliaj. Tamen, la aliaj partoprenantoj ne vidas kialon por publikigi tiun informon.

➢Lupe Sanz petas aperigi en la protokolon la sekvan frazon: "mi, kiel antikva sekretariino de MEL, estas kontraŭ la ne-redono de HEF al AEU de la tutan kvanton (200,00 €) pagita erare en la banko-konton de HEF anastataŭ en tiu de MEL". La kasisto Raúl Martínez klarigas denove la aferon, kaj Manolo Parra (fakte nuna sekretario de MEL) konsideras ĝin solvita.

➢Lupe Sanz petas, ke HEF konsideru la eblecon malaltigi la kontribuon de MEL por la uzado de la HEF-sidejo, argumentante ke la kvanto de nunaj kotizantaj membroj de MEL estas malgranda. La estraro de HEF

konsideras, ke tiu peto devus veni el la nuna estraro de MEL, do oni atendos ĉu venos aŭ ne tiu peto el MEL.

Nehavante iun alian aferon por pritrakti, finiĝas la kunveno je la 20:00 horo.

La Sekretario: Félix Manuel Jiménez Lobo

## Erar-tabelo:

En la pasinta numero aperis kiel korektisto de *Boletín* Jesús Carrión sed la ĝusta nomo estas Jesús García Cano. Ni pardonpetas pro la eraro.

# Presupuesto para 2010 (forma antigua)

## Ingresos

5. Otros Ingresos de la Actividad

-Subvenciones y Donaciones 50 €

12 Ingresos Financieros

-Intereses depósito

Total Ingresos 7.810,00 €

Resultado del ejercicio 0 €

## Gastos

2. Aprovisionamientos

-(compra de libros, de material didáctico y variación de existencias) 100€

4. Otros Gastos de la Actividad

-Reparaciones, Conservación ( y compra de material informático)700,00€

-Primas de Seguros 95,00 €

-Comisiones Bancarias y Similares 310,00€

-Publicidad, Propaganda, Edición del Boletín 4.250,00€

-Suministros (electricidad) 225,00 €

-Otros Gastos y Servicios 2.100,00 €

-Tributos 30,00

Total Gastos 7.810,00 €

# Dokumentoj alvenintaj al la biblioteko dum 2009

Almqvist, Carl Jonas Love. *Ormuzdo kaj Arimano*. G. Gällmo, 2007. (Donacita de Jorge Camacho).

**Browne, Peter E**. *Prosa y poesía políglota*. McAllen: Campamocha, 2008. (Donacita de Jorge Camacho).

**Camacho, Jorge.** Celakantoj. Rotterdam: Bero, 2004. (Donacita de Jorge Camacho).

**Camacho, Jorge.** *Eklipsas*. Rotterdam: Bero, 2007 (Donacita de Jorge Camacho).

**Camacho, Jorge.** *Saturno*. Rotterdam: Bero, 2004 (Donacita de Jorge Camacho).

**Cherpillod, André.** *Disertacio pri la maniero feki*. Courgenard: A. Cherpillod, 1998. (Donacita de Jorge Camacho).

**Cherpillod, André.** *Glozel kaj la prahistoria skribo*. Courgenard: A. Cherpillod, 1991. (Donacita de Jorge Camacho).

**Cherpillod, André.** *Kaj la suno haltis* Courgenard: A. Cherpillod, 1993. (Donacita de Jorge Camacho).

**Cherpillod, André.** *La dioj de Izraelo*. Courgenard: A. Cherpillod, 1990. (Donacita de Jorge Camacho).

**Cherpillod, André**. *La mortotuko de Torino*. Courgenard: A. Cherpillod, 1996. (Donacita de Jorge Camacho).

**Cherpillod, André**. *Mots rares et faux amis en espéranto*. Courgenard: A. Cherpillod , 1993. (Donacita de Jorge Camacho).

**Cherpillod, André.** *Voyage au fil des mots*. Courgenard: A. Cherpillod, 1995. (Donacita de Jorge Camacho).

**Cherpillod, André.** *Le caractère grammatical des racines de l'Esperanto*. Courgenard: A. Cherpillod, 2009. (Donacita de Jorge Camacho).

**Cherpillod, André.** *Katarismo kaj naskiĝo de Inkvizicio*. Courgenard: A. Cherpillod, 1996. (Donacita de Jorge Camacho).

**Csíszár, Ada**. *6000 frazeologiaj esprimoj hungaraj-Esperantaj*. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio, 1975. (Donacita de Jorge Camacho).

**Daigakusyorin** *vortaro de Esperanto*. Daigakusyorin, 1964. (Donacita de Akira Morita).

Frateco. Proyecto de figura escultórica dedicada al Esperanto en el centenario de "Frateco" (Donacita de Frateco).

**Furmanov, Dmitrij** *A. Ĉapajev*. Leipzig: Ekrelo, 1933. (Donacita de Jorge Camacho).

**Gómez Cerdá, Alfredo**. *Makao kaj Antono*. Muriedas: P. Ullate, 2005. (Donacita de Pedro Ullate).

**Gutiérrez Adúriz, Miguel.** D*iccionario Amika Vortaro*. Santander: Mga, 2007. (Aĉetita de HEF).

**Ishiguro, Yoshimi H.** *Moderna vortaro Esperanto-japana*. Tokio: Taiydoo, 1944. (Donacita de Akira Morita).

**Jiménez, Juan Ramón.** *Platero kaj mi*. Málaga: Andaluza Esperanto-Unuiĝo, 2009. (Donacita de Miguel Gutiérrez Adúriz).

**Kaĵi, Hirokazu.** *Japana-Esperanta vortaro*. Tokyo: Esperanto-Kenkjuŝa, 1957. (Donacita de Akira Morita).

**Konisi, Gaku.** *La kosmoŝipo "Edeno n-ro 5"*. Oosaka: Kansai Ligo de Esperanto-Grupoj, 1971. (Donacita de Akira Morita).

**La Pafklik.** *Fek al esperanto*. (Disko). Doneville: Vinilkosmo, 2009. (Donacita de Miguel Gutiérrez Adúriz).

**La Perdita Generacio.** *La Perdita Generacio eksplodigos vian domon*. (Disko). Doneville: Vinilkosmo, 2008. (Donacita de Miguel Gutiérrez Adúriz).

**Miyamoto, Masao** *Historieto de la Japana Esperanto-movado*. Oasaka: KLEG, 1977. (Donacita de Akira Morita).

**Miyamoto, Masao.** *Sarkasme kaj entuziasme*. Toyonaka-si: La Kritikanto, 1979. (Donacita de Akira Morita).

**Munniksma, F.** *Internacia komerca-ekonomika vortaro en dekunu lingvoj*. Pekino. Ĉina Esperanto-Eldonejo, 1990. (Donacita de Jorge Camacho).

**Nomura, Tadatsuna** [red.]. *Japana-Esperanta terminaro de biologio*. Kunamoto: Shinguma Insatsu, 1988. (Donacita de Akira Morita).

*Novikov-Priboj, Aleksej S.* **La submarinistoj.** Leipzig: Ekrelo, 1932. (Donacita de Jorge Camacho).

**Portmann, Douglas A. , Koralo**. *Biblioteka terminaro*. Ĉinio: Eldonejo de Akademiaj Revuj. (Donacita de Jorge Camacho).

**Prats, Alardo.** *Fronto kaj postfronto de Aragonio*. Barcelona: Oficejo pri la Eksterlanda Propagando de CNT-FAI, Esperanto Sekcio, 1938. (Donacita de Jorge Camacho).

*Reeĥoj*. La Laguna: J. Régulo, 1961. (Donacita de Jorge Camacho).

**Szilágyi, Ferenc.** *La liberación del juez*. Barcelona: Alpha Decay, 2009. (Donacita de la eldonisto).

**Takeuti, Yosikazu.** *Nova klaso de interparolo en Esperanto*. Tokio: Japana Esperanta Librokooperativo, 1999. (Donacita de Akira Morita).

**Ueyama, Masao.** *Ne grimacu!* Oosaka: Riveroj, 1998. (Donacita de Akira Morita).

**Venclova, Tomas,** *La unufoja lando*. Kaunas: Varpas, 2005. (Donacita de Jorge Camacho).

**Zamenhof, Ludwik L.** *Esenco kaj estonteco de la ideo de lingvo internacia*. Tokio: Tokia Esperanto-Kooperativo, 1976. (Donacita de Akira Morita).

**Zarandona, Juan Miguel** (ed.). *Esperanto y traducción*. (Komputila K-disko). Soria: Diputación Provincial de Soria, 2009. (Achetita de HEF).

**Ziólkowska, Maria.** *Doctor Esperanto*. Medellín: J. Nájera, 2008.

Ana Manero

## Asamblea General Extraordinaria

El Presidente les invita a asistir a la Asamblea General Extraordinaria, que tendrá lugar el domingo 4 de julio de 2010, a las 10:00 horas (a las 10:30 en segunda convocatoria) en el Salon de Actos de la Fundación Caixa Galicia, sito en la Carreira do Conde, 18, de Santiago de Compostela (La Coruña), en el marco del 69º Congreso Español de Esperanto, con el siguiente orden del día:

1.- Aprobación del Acta de la Asamblea Anterior.

2.- Informe sobre los socios.

3.- Proyecto 2010.

4.- Ruegos y preguntas.

IMPORTANTE: Los miembros de la Federación que deseen ser representados por algún otro socio, por favor que envíen un mensaje comunicándolo, indicando claramente el nombre completo del representante y representado, al buzón electrónico admin@esperanto.es, o bien por correo postal a las oficinas de la asociación, antes del 1 de julio.

El Presidente de HEF

Pedro Hernández

## Eksterordinara Ĝenerala Kunsido

La Prezidanto alvokas vin ĉeesti Eksterordinaran Ĝeneralan Kunsidon, kiu okazos la 4an de julio de 2010 (dimanĉo), je la 10:00 horo (je la 10:30 horo dua alvoko), en la Aŭlo de la "Fundación Caixa Galicia", en la Strato Vilar, 19, Santiago de Compostela (Korunjo), kadre de la 69a Hispana Kongreso de Esperanto, laŭ la jena tagordo:

1.- Aprobo de la protokolo de la antaŭa kunveno.

2.- Informo pri la anoj.

3.- Projekto 2010.

4.- Sugestoj kaj demandoj.

GRAVA RIMARKO: La membroj de HEF, kiuj deziros esti reprezentotaj fare de iu alia membro, bonvolu transdoni mesaĝon informante pri tio, klare indikante la kompletan nomon de la reprezentanto kaj de la reprezentato, al HEFa retpoŝta adreso admin@esperanto.es, aŭ per ordinara poŝto al la oficejo de la asocio, antaŭ la 1an de julio.

La Prezidanto de HEF

Pedro Hernández

# Interkultura kaj multlingva dialogo en Hispanio

okaze de la tria renkontiĝo en Don Benito-Ekstremaduro (10a – 16a de aprilo 2010)

“Hodiaŭ de mezlernejo “Cavour” ni ekveturis je la 10.30 direkten al flughaveno *Orio al Serio* por trafi la aviadilon al Madrido. […] Ĉe la flughaveno de Madrido akceptis nin tre varme Hispanoj ĝentilegaj kaj simpatiaj. Ni renkontis ilin jam aprile 2009, kiam ili vizitis nian lernejon kune kun grupo de Portugaloj antaŭ ol iri kune al Peskaro.”

Ekas tiele la raporto pri la tria renkontiĝo kadre de la projekto Komenio 2008-2010 “Interkultura kaj multlingva dialogo, helpe de la neŭtrala lingvo Esperanto, inter la eŭropaj lernejoj. Homaj rajtoj de la infanoj kaj de la adoleskantoj en Eŭropo,” projekto celanta rekonfirmi la daŭrigon de komuna klopodo realigi konkrete la ideon de respekto kaj kono de la lingva heredaĵo de la popoloj krom la neceson substreki la validecon de la pontolingvo Esperanto por garantii al ĉiuj partoprenantoj samajn komunikajn ŝancojn, respektante kaj protektante la lingvan variecon eŭropan kaj mondan.

La peco estas parto de la taglibro verkita de la sep gelernantoj de mezlernjo “Cavour” de Modena (5 knabinoj kaj 2 knaboj) kuntrenitaj en la projekto kaj en la vojaĝo. Por ellabori tiun ĉi raporton plaĉas al ni ĉerpadi el iliaj impresoj kaj emocioj vidalvide al novaj ekkonoj, certe similaj al tiuj de multaj aliaj gejunuloj de Eŭropo.

Inter la kvin knabinoj partoprenantaj estas surdulinoj: du el ili jam partoprenis en antaŭaj Komenio-renkontiĝoj kaj tiu ĉi fakto permesis integrigi la proponon de “interkultura dialogo” pere de utiligo de esperanto kune kun plia “pontolingvo” inter la malsamaj kulturoj – tiu de la aŭdantoj kaj de la signantaj surduloj –, la lingvo de la signoj, ĝuste, lingvo ankoraŭ ne oficiale rekonata en Italio kaj, do, niaopinie, efika simbolo de rajto de la homoj esprimi sin, en ĉiu ajn medio kaj momento de sia vivo, per lingvo “taŭga” al sia propra perceptiva kaj homa specifeco, eĉ se temas nur pri lingvo de minoritato.

De la 10a ĝis la 16a de asprilo 2010 la delegacioj itala, hispana kaj portugala renkontiĝis en Don Benito, en Ekstremaduro, gastoj de I.E.S. “Cuatro Caminos” kaj de la "Centro Educativo Municipal" malfermita laŭcele por la italaj kaj portugalaj gastoj.

La gastigitaj lernejoj, reprezentitaj de gestudentoj kaj geinstruistoj, estis la SMS “Cavour” de Modeno (Italio) kaj la Escola Secundaria “Braamcamp Freire” de Lisbono-Pontinha (Portugalio).

La itala delegacio konsistis el sep gestudentoj kaj kvin geinstruistoj: la kunordiganto de la projekto por Italio, E. Tarracchini, du liaj koleginoj (V. Bocchini kaj N. Greco) kaj L. Oberrauch kaj V. Madella, la geinstruistoj de Parma kiuj ekde jaroj gvidas la kurson de lingvo esperanto por gelernantoj de la mezlernejo “Cavour” de Modena, dum la portugala delegacio konsistis el 3 geinstruistoj kaj 11 gelernantoj, kunordigitaj de prof.ro L. Ladeira.

La tempo pasigita kune inter la 10a kaj la 16a de aprilo estis skandita de viglaj "programitaj" momentoj de

interŝanĝoj de informoj kaj novaĵoj pri la lingvoj esperanto, hispana kaj tiu de signoj, sed ankaŭ de intensaj neformalaj okazoj de festenoj kaj kontaktoj inter adoltoj kaj gejunloj, ŝancoj por komparado, progamado kaj, precipe por la gejunloj, interŝanĝado de informoj kaj retadresoj, ankaŭ dum la tre plaĉaj ekskursoj kaj vizitoj al la historiaj monumentoj kaj civilaj kaj religiaj, de Don Benito, Mèrida, Sevilo, Medellìn kaj Càceres.

Dum la vespero de nia alveno al Madrido kaj la postan matenon, interalie, iu agrabla italo-hispana promenado tra la historia centro de la ĉefurbo permesis jam al ni repreni la dialogon interrompitan momente en Lisbono, kaj iun unuan kontakton kun la arkitektaj kaj urbaj apartaĵoj kaj kun la aktiva dumnokta vivo de la belega hispana urbo.



La itala grupo kaj la hispanaj instruistoj pozas sub la madrida simbolo de la ursino kaj de la arbutujo.

La temo de la renkontiĝo estis inspirita de la infanrajtoj, libere tradukitaj el la Artikoloj sankciitaj de la Internacia Konvencio pri la Infanrajtoj aprobita de la Ĝenerala Asembleo de la Unuiĝintaj Nacioj la 20an de novembro 1989. La mezlernejo "Cavour" proponis tiun ĉi temon ĉar ĝi jam de kelkaj jaroj antaŭenigas projektojn, rigore pedagogiajn, celantajn la interesiĝon pri la rajtoj de la infanoj-studentoj kaj de iliaj familioj, sed precipe por garantii al ili plenan individuan realigon de la rajto je propra specificeco de ellaborado de la penso kaj, koncernante la surdajn gelernantojn, de la rajto je dulingva edukado: je la lingvo de signoj kaj je la itala. Multaj el la elektitaj 40 Artikoloj de la oficiala teksto de UNO temas pri la rajto je libereco de buŝa, skribata, signata esprimo kaj esprimo pere de arto, pri rajto je studado kaj lernado, pri rajto je aliro al la informado, Kiu pli bona okazo kadre de la renkontiĝo antaŭvidita de la projekto "Interkultura kaj multlingva dialogo" por kunpartigi kun la gekolegoj kaj hispanaj kaj portugalaj gejunuloj la fortostreĉon rekoni rajtojn kaj dignecon al la infanoj kaj garantii al ili personan kaj kulturan kreskadon pretan kompreni la diversecon kiel neelimineblan heredaĵon de la homa speco!

Dum nia restado en Don Benito kaj dank'al la bonega organizado de la renkontiĝo fare de la membroj de la hispana grupo, eblis disvastigi plue la mesaĝon kiun inspiras la Projekto "Interkultura kaj multlingva dialogo pere de la neŭtrala lingvo esperanto" ĉar la instruistoj kunordigantoj de la delegacioj kaj la gestudentoj kuntrenitaj estis intervjuitaj kaj videofotitaj de ĵurnalistino de la loka televideo "Octo".

Tamen jen, pere de la taglibro verkita de la italaj geknaboj, la plej signifoplenaj eventoj de la semajno:

12-a de aprilo 2010

"Tiun ĉi matenon, post la matenmanĝo, ni iris al la lernejo “Cuatro Caminos” de Don Benito kie ni ekzpoziciis la rajtojn de la infanoj antaŭ multaj gestudentoj de la lernejo kaj la hispanaj kaj portugalaj geamikoj, kaj ni havis la honoron renkonti la Estron de la lernejo kaj iun Skabenon de Don Benito. […]

Je la fino de la ceremonio, la geinstruistoj invitis nin al regalado por bondeziri al ni agrablan restadon en Hispanio. Dum la festeto ni konatiĝis kun pluraj hispanaj knaboj, kun kiuj ni multe amuziĝis kaj kun kiuj ni interŝanĝis la numerojn de niaj poŝtelefonoj kaj niajn retadresojn.

Dum la malfrua mateno ni estis akompanitaj de la hispanaj instruistoj (bedaŭrinde la knaboj estis okupitaj … en la lernejo!) al iu sidejo de la Komunuma Administracio: tiu de la Prieduka Skabeneco. Tie la Skabenestro akceptis nin kun granda soleneco kaj invitis nin sidiĝi sur la sidlokoj, kie kutime sidas la elektitaj reprezentantoj de Komunuma Konsilo. Dum la bonvenparolado de la Skabenestrino ni eksciis, ke profesoro Pablo estas unu el la membroj de la Komunuma Konsilo de Don Benito! Li estas tre orgojla pro tiu ĉi rolo, ĉar li estis elektita de multaj siaj samurbanoj.

La Skabenestrino respondis al la demandoj de la adoltoj, kiuj petis informojn pri la situacio de la geinfanoj kiuj sekvas siajn familiojn dum la elmigrado al Hispanio.

Kiel ĉiam estis la duobla “ponto” inter la hispana lingvo, pere de esperanto, al la lingvo de signoj por permesi al Eleonora, Elisa kaj Aleksandra sekvi tion, kion oni estis diranta. Valerja tradukis pere de la lingvo de la signoj.

Post la fino ankaŭ de tiu ĉi momento en la sidejo de la Priedukada Skabenejo, kiu sentigis nin gravaj personoj kaj kvazaŭ kvietigitaj pro la atentemo, ni ekiris promenante tra la urbo.

Don Benito estas orda kaj pura. Mirigis nin la nombro de la cikonioj, kiuj rajtas nesti libere ĉie ajn. […]

Matene de la 12a de aprilo, fakte, je la ĉeesto de ĉiuj tri delegacioj, okazis en la I.E.S. “Cuatro Caminos” la oficiala ceremonio, per la bonveno de la Lernejestro kaj de la reprezentanto de la urbodoma Administracio de Don Benito (temis pri Skabeno pri la sportaj aktivecoj).




Prof.so L. Ladeira, la Skabenestro pri Sporto de Don Benito, la Lernejestro de la I.E.S. “Cuatro Caminos” kaj la instruistino de esperanto L. Oberrauch de la itala delegacio, ĉe la tablo de la oratoroj dum la bonveniga ceremonio.

Post la rutinaj paroladoj, la itala delegacio volis proponi al la aliaj delegacioj kaj al la ĉeestantaj gestudentoj de la “Cuatro Caminos” malgrandan spektaklon, kiu temis pri la plej aktualaj infanrajtoj recititaj en esperanto kaj en la itala lingvo de la signoj. Por ĉiu artikolo de la Konvencio UNO prezentita estis donacita al juna hispano aŭ portugalo rozo, kiu portis la artikolon mem en esperanto presita sur folio.

Poste, kelkaj gestudentoj hispanaj, akompanatj ĉe la fortepiano de sia instruistino pri muziko, kantis pecojn eltiritajn el la sonstrioj de filmoj aparte laŭmodaj inter la gejunuloj … de la tuta mondo.

[…]

La gelernantoj kaj la geinstruistoj portugalaj, gviditaj de prof-ro Luis Ladeira, kontraŭe proponis al la geamikoj hispanaj kaj italaj malgrandan kolekton de kantoj en esperanta linvgo ."



….Jen la “rozoj de la rajtoj”, kiujn ni donacis dum nia prezentado …




La gestudentoj kaj geinstruistoj de Lernejo Escola Secundaria Braamcamp Freire-Pontinha dum la plenumo de la koncerto de kantoj en esperanta lingvo direktita de Prof.-ro Luis Ladeira.




Jen la kovrilo de la Power Point-paĝoj, kiuj akompanis nian prezentadon dulingvan esperanto-itala lingvo de la signoj…



La hispanaj gestudentoj kantas en la hispana kaj en la angla lingvoj akompanataj de sia istruistino pri muzika edukado.



Ni ĉiuj kune kun la skabenestrino pri Edukado de Don Benito



Unu el la multaj cikonioj kiujn ni vidis sur preĝejoj, palacoj, fostoj de elektraj konduktiloj, arboj, … en Don Benito (kaj en la lokoj, kiujn ni vizitis dum nia restado en Hispanio

12-a de aprilo, posttagmeze

"Post la tagmanĝo (bongusta!!!) ni ĉiuj direktiĝis al eduka farmbieno kie ni povis vidi bestojn kiujn, strange sed vere, ni preskau neniam sukcesas vidi" kiel ili vere" estas: unu struton, kokinojn kaj kokojn de diversaj specioj, pavjon kaj aliajn kokbirdojn, kuniklojn, hundojn, azenojn, ĉevalojn …

Ni amuziĝis multe ĉar ĝi estis belega sperto!

La plej intensa momento estis ĝuste tiu ĉe la maneĝo kun la ĉevaloj!

Martina G., kiu vizitadas maneĝon en Modeno, povis "sin elmontri" tute elegante kaj kun certeco kiun ŝi akiris dum ĉiuj ĉi tiuj jaroj; Francisko povis forkonsumi ĉiujn siajn ekscesajn energiojn dum la trotado; Elenora venkis sian timon antaŭ la ĉevalo ofertante sin, spontane kaj je grandega surprizo de ĉiuj, por du provaj rondiroj kiuj konkludiĝis per iu "memaplaŭdo"; Aleksandra povis rekuperi la dolĉan memoron pri siaj vizitoj al la geavoj en Rumanio kaj pri la promenadoj kiujn ŝi faris kun iliaj ĉevaloj; ankaŭ Elisa, post iom da hezitoj, volis sperti unuafoje la ebriiĝon supreniri sur beston tiom grandan.

Nur Martina B. kaj Simone ne lasis sin tenti … de la aventuro. Ili ne scias kion ili perdis!!!

[…]



Eleonora, feliĉa pro la akto de kuraĝo, … aplaŭdas al si mem per la maniero kiun uzas surdaj personoj.

13a de aprilo 2010

"Ni pasigis ankaŭ tiun ĉi matenon en la lernejo “Cuatro Caminos”. Ni revidis ĉiujn niajn hispanajn geamikojn kaj ni partoprenis en duhora leciono: unu pri esperanto por refreŝigi la esencan gramatikon, alian pri la hispana por ke kaj ni kaj la portugaloj povu koni la originan lingvon de la loko. Kiam ni ripetis la demandojn kaj la respondojn por la prezentado de ni mem, Eleonora kaj Elisa montris al ĉiuj kiel fari la samon per la itala lingvo de signoj. Ni italaj geknaboj estis tre fieraj povi sciigi al ĉiuj, ke ni konas ankaŭ tiun ĉi lingvon! Post la lecionoj iu videolaboristo kaj ĵurnalistino de la loka televideo “Octo” de Don Benito, certe informitaj de Kani pri la vizito de ni italoj kaj de la portugaloj, intervjuis la respondecajn geisntruistojn de la grupoj por ekscii ion pri nia Projekto. Ni aŭdigis ankaŭ kelkajn dialogojn en esperanto. La ĵurnalistino intervjuis nian samlernejaninon Elisa, kiu jam partoprenis en multaj antaŭaj vojaĝoj de la Projekto Komenio kaj en la nuna, por aŭdi kiu sperto pli plaĉis al ŝi kaj por demandi al ŝi ion rilate al la “stranga” duopo inter esperanto kaj la lingvo de la signoj. Elisa havis apud si la prof-son Salguero por la traduko el la hispana al esperanto kaj la prof-ron Ermanno por la traduko el esperanto al la lingvo de signoj. Ŝi estis tre trankvila antaŭ la telekamerao kaj ni demandis al ni kiel ŝi faris por esti tiel trankvila. Ni estis tre orgojlaj pro tiu ĉi okazintaĵo kaj pro ŝi entute, ĉar estis bele sciigi al ĉiuj ke en nia lernejo “Cavour” ni kapablas studi kaj fari eksterordinarajn aferojn!

Post la lecionoj niaj hispanaj geamikoj dispartigis nin laŭ grupoj de kvar personoj por akompani nin en siajn klasojn. Dum Eleonora, Elisa kaj Aleksandra iris viziti la Laboritorion de Kurso por frizistoj kaj estetikistoj, la du Martinoj, Francisko kaj Simone hazarde ektroviĝis en klaso kie, por prezenti sin mem kaj stimuli la fantazion, okazis kelkaj tipe hispanaj ludoj. "



La intervjuo … multlingva de Elisa.



La interveno de Eleonora kaj Elisa kiuj montras la version de la dialogoj de la leciono pri esperanto en la itala lingvo de signoj.

14a de aprilo 2010

"Ĉi matene ni ellitiĝis tre frue por veturi al Sevilo. La vojaĝo estis tre longa sed ankaŭ amuza, ĉar ĝi permesis al ni konatiĝi pli bone kaj … dormi.



Instruistoj kaj gelernantoj survoje al la pinto … de la "Giralda"



La Ora Turo de Sevilo vidita de la sonorilturo de la katedralo

En Sevilo ni tuj vizitis la belegan katedralon en gotika, araba kaj baroka stiloj kaj supreniris eĉ sur la "Giralda", la antikvan minareton de la moskeo kiu poste iĝis sonorilturo de la katedralo. Oni klarigis al ni, ke la turo altas pli ol 70 metrojn. Ni ekkonsciis pri ĝia alto suprenirante …supreniro sen ŝtuparoj sed farita el ramploj mallarĝaj kaj homplenaj: ja tridek kvin! Suprenirante ni devis halti ofte por permesi al la turistoj malsupreniri, tamen dume ni povis vidi, tra la balkonaj, fenestroj kiuj malfermiĝis je la diversaj "etaĝoj", la tutan urbon je niaj piedoj. Estis spirrabaj (la ramploj kaj la vidindaĵoj!). "



Oni ludas en Sevilo!



Kaj jen ni ĉiuj kune … en Sevilo!

16a de aprilo 2010

"Hodiaŭ lastfoje ni renkontiĝas en lernejo "Cuatro Caminos" ĉar morgaŭ ni revenos al Italio (se la vulkana nubo, kiu estas blokanta la flugojn al Norda Eŭropo, tion permesos al ni. Parenteze, iu el ni, Francisko unue, bondeziras al si ke ni restu ankoraŭ en Hispanio!!!)

Post la kutimaj lecionoj de esperanto kaj de la hispana lingvo, ni fine provis kaj realigis la refrenon de la himno de la lernejo “Cavour” en ĉiuj naciaj lingvoj de la ĉeestantaj homoj; en la itala, en la portugala, en la hispana kaj, kompreneble, en esperanto kaj en la lingvo de signoj!

Dum niaj ekskursoj en la aŭtobuso, Ermanno, Valeria kaj Nadia estis kontrenintaj la aliajn instruistojn por trovi la taŭgan ritmon por la frazoj en la portugala kaj en la hispana lingvoj kaj por instrui ĝin en esperanto kaj en la itala al la aliaj. Simone kaj Martina G. gitarludantaj, Martina B. flutludanta, Eleonora, Elisa kaj Aleksandra per la lingvo de signoj kaj ĉiuj, kiuj kantadis! (Bedaŭrinde ne estis trovita iu tria gitaro, pro tio Francisko ne iĝis musikisto).

Tio ŝajnis al ni magia momento! La himno, kiu venkis la provincan konkurson en Modeno (tion ni eksciis ĝuste en tiuj ĉi tagoj!) havas belegan refrenon kiu reprezentas nian esperon kaj nian fidon je la estonto pere de nuntempo plena je aferoj malkovrindaj, lernindaj kaj provindaj. Kantita de niaj geamikoj, ĝi ŝajnas al ni eĉ pli grava kaj bonaŭgura! "[…]




La bando de “Kune kun eblas” dum la hispana turneo …



… Iu estonto revinda …

Je redaktofino ŝajnas al ni signifoplena citi kelkajn impresiojn komunikitajn en la taglibro ellaborita de la studentinoj Martina G., Martina B., Eleonora, Elisa, Aleksandra kaj de la studentoj Francisko kaj Simone dum la tagoj pasigitaj en Hispanio. Enhavas ĝi la deziron, kiun ni esperas povi realigi per venonta Projekto …

[…] Ĉiuj ni pensas ke la titolo de la projekto "Interkultura kaj multlingva dialogo inter la lernejoj eŭropaj" vere respegulas la sperton, kiun ni faris en Don Benito. Esperanto permesis al ni la **komunikadon inter la grupo** kaj, do, permesis al ni konatiĝi iomete pli bone, eĉ en la malmulta tempo je nia dispono, kaj kontaktiĝi pli efike kun la kulturo (la kutimoj, la tradicioj, …) de la loĝantoj de Don Benito kaj de aliaj malgrandaj urbetoj de Ekstremaduro. Estus bele resti en kontakto pere de la retpoŝto! Kompreneble, ni dezirintus diri kaj demandi multajn aliajn aferojn, tamen, je la komenco, malgraŭ la pozitiva etoso kaj la reciproka intereso, la komunikaj malfacilaĵoj bremsis nin. Ĉiukaze, la deziro komuniki estis vere tre forta kaj tial ni rompis la **muron de la embaraso kaj la timo erari** kaj ni ĵetis nin en konversaciojn, kiuj uzis ĉiujn lingvojn

kiujn ni konis inkluzive la lingvon de signoj. […] Esperanto estis vere "iu ponto", tamen ne studinte ĝin dum longa tempo kaj pro tio ne povante ĝin bone paroli, ni ne sukcesis komuniki en la plej efika maniero (Martina G.). Nur nun ni ekkonscias, ke **lernado de Esperanto estis utilega ĉar ĝi provizis al ni pli mule da vorto**j kaj tio ĉi donas al ni grandan kontentigon (Simone). Estus bele pliprofundiĝi en la studado de tiu ĉi lingvo, ĉar ni komprenis ke ĝi povas doni al ni la eblecon dialogi pli bone kun ĉiuj. (Martina G.)

La italaj knabinoj kaj knaboj, kaj ankaŭ la geinstruistoj kiuj akompanis ilin en tiu ĉi malkovro de la dimensio "eŭropa" de lerneja sperto kaj lernado, deziras sendi ameman dankon al la gestudentoj kaj geinstruistoj hispanaj, kiuj akceptis kaj akompanis ilin en la malkovro de novaj medioj kaj novaj okazoj dum la tuta restado en Don Benito.

Ilia emo al komunikado igis la restadon en Hispanio forĝa kaj unika homa sperto!

La eŭropa projekto Socrates-Comenius por interkultura dialogo kaj alternativa komunikado inter Italio, Hispanio kaj Portugalio, konkludis, per tiu ĉi vizito, la trian kaj lastan etapon de la programita itinero.

Ni esperas intense revidi nin en aprilo 2011 kun renovigita propono kaj kolekti pluajn aliĝojn de aliaj lernejoj de Eŭropo.

La itala teamo

La geinstruistoj: E. Tarracchini, V. Bocchini, N.Greco, L. Oberrauch, V. Madella.

La studentinoj: E. Cremonini, E.Ganzerli, A. Chesnoiu, M.Gabelli, M. Benincasa.

La studentoj: F.Chiossi, S.Malavasi.

## 18a Internacia E-Semajno en Coma-Ruga (Tarragona)

De la 2a ĝis la 9a Oktobro okazos la 18a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo en Coma-Ruga (El Vendrell, Baix Penedès, Tarragona)Hotelo, Natura Park ***. strato Vila Franca

Koresponda adreso: Luis Serrano Pérez. Apartat 423. ES-SABADELL (Barcelona) Hispanio. Tel. (+34) 93 727 50 21. Rete: luis_serrano@ya.com> kaj luis_serrano@mixmail.com http://personales.ya.com/semajno/

Aliĝo, ĝis la 30-a de Julio 20 €. Post tiu dato 30 €

Gejunuloj ĝis 25 jaroj ne pagas aliĝon.

Restado en la Hotelo 34 € (por persono) en ĉambro du-lita. En ĉambro unu-lita 44 €)

Tiuj prezoj donas rajton al kompleta gastado.

# Iberia Renkontiĝo en Almagro



Reprezento en teatro-korto de Almagro



Ŝinko ne manku

La 6a Iberia Renkontiĝo (IR), evento kiun organizas de antaŭ kelkaj jaroj junularoj de Iberia duoninsulo, okazis aprile en Almagro, fama historia urbeto. Tiu ĉi jaro estis vico de la junularo de Hispana Esperanto – Federacio, HEJS, kiu, kun helpo de loka asocio Esperantista Manĉkastilia Asocio (EMAS), organizis semajnfinan renkontiĝon. En tiu ĉi renkontiĝo kuniĝis ĉirkaŭ 40 homoj el diversaj partoj de la duoninsulo, sed ankaŭ el aliaj landoj (Serbujo, Rusujo, kaj tiel plu).

La renkontiĝo estiĝis en Palaco de la Grafoj Valparaiso, kaj tie okazis la diversaj aktoj de la programo: prezento de la hispanlingva versio de la libro "Kronikoj de la Hispana esperantista laborista movado" de Antonio Marco Botella, debato pri lingvaj rajtojn, kiu ebligis paroli pri konkretaj lingvaj problemoj, ludoj, kaj tiel plu.

Estis rimarkebla la vizito al fama teatrejo de la 17a jarcento, kiu estis deklarita Nacia Monumento en la jaro 1955. Tie la partoprenintoj de la IR spektis teatraĵon, kiu klarigas plezurige al spektantaro kiel funkciis tiaj teatrejoj dum la Ora Epoko de hispana literaturo, kiam la verkado de teatraĵoj estis bunta kaj vasta. Post la vizito al teatrejo oni vizitis la urbon, ekkonis la diversajn palacojn kaj eksciis pri la historio de la urbo.

Dum la lasta tago, oni vizitis Nacian Parkon "Las Tablas de Daimiel", kie estas tre valora humidaĵo, bedaŭrinde tre damaĝita lasttempe pro la maldiligenta ago de la homo. Feliĉe la geEsperantistoj povis ĝui la belecon danke al la lastaj kaj abundaj pluvoj de la antaŭa monatoj

Post la vizito al humidaĵo okazis tradicia tagmanĝo por ĝui la lastajn momentojn de la renkontiĝo. Kun bedaŭro, sed kun emo renkontiĝi denove post unu jaro, la partoprenantoj adiaŭis ĝis sekva Iberia Renkontiĝo, kiu okazos en Katalunio.

Juan Trenado

# La Tago de la Libro alimaniere

La 22-an, okaze de la celebrado de la Tago de la Libro, ni havis la okazon videbligi Esperanton en Madrido. Eĉ dufoje.

La unua jam fariĝis preskaŭ tradicia: la uzo de nia lingvo en la ĉiujara kompleta legado de la verko "Donkiĥoto" en konata kultura centro. Tiu legado estas tre varia, kun konektoj al multaj lokoj de la mondo kaj utiligo de diversaj rimedoj kaj variantoj. Ĉifoje, deko da esperantistoj kunvenis en la ejo, eĉ du venintaj el for de Madrido. Legis unue la sekretario de la Asturia Asocio, Faustino Castaños, kaj poste la konata poeto Miguel Fernández,

Tuj poste, Miguel, mi mem kaj Pedro Sanz, la prezidanto de SAT-en-Hispanio, prezentis publike en librejo "Revtrafikantoj" hispanlingvan libron eldonitan de tiu ĉi asocio: "Kronikoj de la laborista esperantista movado".

Kaj ni eĉ havis iom da tempo por kafejumi, babiladi kaj plani novajn iniciatojn. Sed ĉifoje la bildoj restu privataj. Ni ne devas detrui la famon ke esperantistoj estas seriozaj kaj liberemaj homoj.

Fonto: http://blogo.delbarrio.eu/




Fautino Castaños legas

La nova eldono de la vortaro Amika havas 472-paĝojn kun centoj da novaj vortoj, kaj multaj novaj sencojn aldonitaj al la jam ekzistantaj.



# Kial redakti en Vikipedio?



Andy ĉe sia komputilo

Kiam mi loĝis en Kubo antaŭ preskaŭ du jaroj mia sola komunikilo pri ekstera mondo estis Monato. Per ĝi kaj la tejo-organo "TEJO Tutmonde" mi informiĝis pri la ekzisto de libera reta enciklopedio redaktebla de ĉiuj, nomata "vikipedio". Mi multe ŝatis la ideon pri kunlaborado kaj partoprenado en tiu kleriga afero kaj mi sekvis la paŝojn de ĝia evoluo per paperaĵo ĉar bedaŭrinde en Kubo interreto estas limigita al privataj sektoroj kaj mi ne troviĝis inter tiuj privilegiitoj de la kuba ŝtato. Tamen, tiu ideo fiksiĝis al mia kapo kaj sciinte ke eble mi venos ĉi tien en proksima dato mi faris liston de kubaj diverskampaj elstaruloj kaj pri aliaj temoj pri kiuj mi ja verkus kaze ke ili ankoraŭ ne ekzistus en vikipedio.

Tamen, la afero ne estis tiom facila kaj glata kiom mi pensis. La tradukado aŭ verkado estis komence komplika pro mia nesperto en tiu ordinara mondo por la plimulto de eŭropanoj sed tute nova por ĵuselirita kubano. Tamen, mi dankas kelkajn aktivajn vikipediistojn (kiel Kani) kiuj pacience daŭre helpas min. Dank'al tio mi vidas progreson en miaj kontribuoj kaj de kelkliniaj fuŝaj artikoletoj mi transiris jam al naŭ elstaraj artikoloj kaj pluraj aliaj mezgrandaj.

Ankoraŭ loĝante en Kubo, mi vidis kaj perceptis stranga Hispanion. Mi serĉis bildojn pri ĝi kaj ĉio estis ombra, malbela kaj senemocia por mi kaj eĉ se en la unuaj monatoj de mia loĝado ĉi tie mi daŭre pensis tiel, danke al hispanlingva vikipedio mi malkovris la senfinan kulturan riĉecon de Hispanio. Tial, sendube ĝi estas la dua lando en la mondo, post Italio, kun pli da mondaj heredaĵoj de Unesko. Kaj ĉar poste mi povis konstatis tion propraokule en diversaj regionoj de Hispanio mi arde deziris montri tiun mondon al la scivolemaj diverslandaj esperantistoj. Mi pensas ke vikipedio estas unueca informilo pri ĉio ajn. Hodiaŭ multaj blogoj formortas post iom da tempo. Ni ne estas multaj, kaj ankoraŭ multfoje ni dediĉas tempon al blogoj kiujn neniu legas. Tial, mi pensis ke estus multe pli sukcesa informi pri hispanaj aferoj en vikipedio ol per verkado de nova nelegota (kaj konsekvence, ne regule aktualigota) blogo.

Mi ja devas diri ke mi vere konsterniĝis kiam mi vidis ke en Hispanio multas, en nia eta komunumo, tre kapablaj kaj talentaj geesperantistoj, sed la artikoloj pri Hispanio ĝenerale estis kaj plimulte daŭre estas tre malriĉaj. Mi scias ke oni havas multajn farendaĵojn kaj ke oni ne povas okupiĝi pri ĉio en Esperantujo kiel plurfoje okazas, sed laŭ mi

vikipedio eble estas unu el la plej gravaj entreprenaĵoj de nia lingva komunumo ekde ĝia ekzisto mem.

Ĉia kontribuo, eĉ se eta, estas ege bezonata. Ni estas komunumo, oni komencas alia daŭrigas la laboron.

Feliĉe, pri Hispanio jam ekabundas pli da artikoloj ol antaŭe kaj ili kovras diversajn kampojn. Ni povas trovi artikolojn pri kasteloj, preĝejoj, mona-ĥejoj, stratoj, riveroj, monumentoj, palacoj, alkazaroj... Kaj se temas pri Madrido, multe pli. La artikoloj pri Madrido kaj Hispanio jam atingis elstarecon sed ankoraŭ mankas multaj ruĝaj ligiloj plenigindaj.




vikipedia artikolo pri Hispanio

Ni vidu vikipedion kiel lernejon por ĉiuj. Tiu kiu faras/tradukas lernas pli pri la koncerna temo, praktikas esperanton, plibonigas sian lingvonivelon per uzado de fakaj vortoj, mastrumas tajpadon, transdonas konitaĵojn al legontoj kaj fine pliriĉigas la esperanto-vikipedion, kiu laŭeble estas unu el la plej videblaj speguloj pri la (mal)bonfarto de nia lingvo kaj ties komunumo antaŭ la ekstera mondo. Ni ja havas la avantaĝon ke nia lingvo (Esperanto) troviĝas en la lingvolisto inter la angla (English) kaj la hispana (Español), do, multaj vizitantoj alilingvaj vidos ke ankaŭ en esperanto (?) ekzistas la artikolo, kaj ne maloftas la kazoj en nia komunumo kiam multaj el ni lernis la lingvon pro simpla hazardo. Tamen, se la artikolo pri relative grava afero estas malgranda aŭ senbilda, ĝi ankaŭ montros nian malforton.

Mi ja ŝatus fari ĉiujn artikolojn pri Hispanio, sed mi ja ankaŭ okupiĝas pri aliaj du temoj tre gravaj por mi: Kubo kaj Armenio/Kaŭkazio. Do, mi nur volas inviti ĉiujn kontribueti de tempo al tempo.

Vikipedio estas bonega portalo por Hispanio, do, ni ne malprofitu ĝin!

Andy Hernández

## Radia Intervjuo

Antonio del Barrio estis intervjuita telefone la dimanĝon 20an de majo en radioprogramo de la radio-stacio *esRadio*. Li detale respondis la demandojn kaj komentojn de la parolistino pri la origino, celoj, kaj gramatiko de esperanto. Ĉe la fino estis mencioj pri la persekutoj kontraŭ la lingvo kaj ĝia apero en kinfilmoj

# Forpasoj

## Manuel Casanoves

Manuel Casanoves i Casals (naskiĝis en 1927) estas kataluna katolika klaretana pastro kaj esperantisto. Ofta predikanto en katalunaj, hispanaj kaj internaciaj kongresoj kaj defendanto de la katalunaj naciaj rajtoj, jam en 1964, dum la diktaturo de generalo Franco, li prelegis en IKUE-kongreso pri "la naciaj minoritatoj laŭ la encikliko Surtera Paco". Lia agado por la homaj rajtoj igis lin fariĝi en 1961 la unua hispania membro de Amnestio Internacia kaj en 1978, kunfondinto kaj unua prezidanto de ties hispania filio. Casanoves partoprenis ankaŭ en la restarigo de la Internaciaj Floraj Ludoj en 1978, de kiuj li fariĝis la unua prezidanto de la Juĝkomisiono. En 1980 li fariĝis provizora prezidanto de la nov-fondita Kataluna Esperanto-Asocio. Post la oficialigo de la asocio en 1982, li daŭris en la posteno ĝis la elĉerpo de dua kaj lasta mandato, en 1986, laŭ la tiama statuto de la asocio.

## Mauro La Torre

La konata itala esperantisto, akademiano kaj antaŭa prezidanto de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj Mauro la Torre forpasis en malsanulejo en Romo la 26-an de marto 2010 en la aĝo de 63 jaroj.

Li estis prezidanto de ILEI, kaj en ĝia kadro, en la jaro 1998, li lanĉis la interlernejan edukprojekton Interkulturo, celantan egalrajtan Interkulturan edukadon. Pro tiu projekto, en 2000, li ricevis la honoran titolon "Esperantisto de la Jaro".

Li estis membro de Akademio de Esperanto ekde la jaro 2007.



Liberafolio.com

## Ferenc Jáki

La 26-an de marto forpasis en Budapeshto d-ro Ferenc Jáki, emerita mezlerneja instruisto kaj doktoro pri klasika filologio. Li naskiĝis la 16-an de novembro 1919. Esperanton li lernis en kurso de Julio Baghy en 1961. En 1965 li diplomiĝis kiel Esperanto-instruisto. Kun prof. István Szerdahelyi li iniciatis la leĝigon de la elekteblo de Esperanto kiel studobjekto en hungaraj lernejoj kaj la starigon de Ŝtata Ekzamen-komisiono, kiun li prezidis de 1967 ĝis 2008. De 1966 ĝis 1969 li

kunlaboris kiel tradukanto kaj voĉleganto por la Esperanto-elsendoj de Hungara Radio. Dum pluraj mandatperiodoj li estis komitatano kaj estrarano de Hungara Esperanto-Asocio, kies Honora Membro li farighis. En 1992 Ferenc Jáki estis elektita Honora Membro de UEA. En 1999 li estis distingita kiel Kavaliro de la Hungara Kulturo. Li aperigis plurajn poemarojn en la hungara lingvo kaj ankau skulptis, pentris kaj fotis.



## Higinio García

La 8-an de aprilo 2010 mortis la aŭtoro Higinio García. Li estis naskita en la jaro 1939 en Antequera, Málaga, Hispanio, kaj forpasis en Alma, Kebekio, Kanado.

Lerninte Esperanton 16-jara, li alvenis al Kebekio en 1963 - laŭ amiko Michel Légaré - kunportante en siaj bagaĝoj siajn vortarojn, gramatikojn kaj manlibrojn de esperanto.” Studinto pri latino, la greka, la hispana kaj filozofio, García instruis filozofion kaj teologion, kaj, antaŭ 1968, la latinan kaj la grekan.

Post la pensiiĝo en 1997, li redaktis la franclingvan bultenon de Kanada E-Asocio, troveblan ankaŭ en lia - plu legebla kaj leginda - plurfaka retejo

www.quaelibet.net.

Higinio García kontribuis al la revuoj Esperanto kaj Monato kaj al la novelaroj Tempo fuĝas (1995) kaj Mondoj (2001). Lia sola propra volumo restas la pinta novelaro Kapturnoj (1999), "bukedo da rakontoj ĝuindaj, pensigaj, amuzaj kaj teruraj” (Sten Johansson), kies etoso iom memorigas la verkojn de Sándor Szathmári kaj Anthony Burgess, sed restas nemiskoneble propra al García. En Beletra Almanako aperis kaj plu legeblas lia Rifuzita memuaro.



# Verda Filmejo. Ĉu vi konas ĝin?



Aleksander Osincev (kienLi)

Verda Filmejo, http://filmoj.net/ estas retpaĝo, kie vi povas renkonti diversajn filmojn, filmetojn kun esperantaj subtekstoj kaj interesajn informojn pri kinarto.

Ĉi tiu projekto estas komuna projekto, kunordigata de Aleksander Osincev el Rusio, kiu afable respondis al diversaj demandoj por ke ni konatiĝu pli proksime kun li kaj lia filma agado.

*Sal KienLi. Mi nomas vin per via interreta kaŝnomo, kiu fakte ne estas via vera nomo, ĉu ne? Kial vi elektis ĉi tiun kaŝnomon?*

Antaŭ multaj jaroj mi partoprenis mian unuan E-aranĝon, kiu estis Rusia Esperantista Kongreso, en mia urbo Jekaterinburgo. Tie mi estis dum la intensa E-kurso de vere bonega kaj elstara E-instruisto Irina Gonĉarova el Moskvo. Dum siaj lecionoj ŝi uzas elementojn de propedeŭtiko, disdonante al lernantojn aliajn nomojn, specialajn. Mi bonŝance ricevis la nomon KienLi.

*Ĉu vi povas rakonti iomete pri vi kaj via esperanta vivo?*

Laŭ profesio mi estas instruisto de fremdaj lingvoj, nuntempe laboras en tradukista firmao. Do, mi dum la tuta tago okupiĝas pri diversaj lingvoj. Dum mia libera tempo mi okupiĝas pri Esperanto kaj filmoj. Mi esperantiĝis en la jaro 2005, tamen eksciis pri la internacia lingvo en 1998. Ekde la jaro 2007 mi aktivas en landa E-movado. Nuntempe mi instruas Esperanton en urba kurso kaj kunordigas junularan E-klubon “Arĝenta Flamo”. Alia mia pasio estas komputiloj.

*Ĉu vi povas rakonti kial vi decidis lanĉi ĉi tiun projekton?*

Mi ĉiam sentis mankon de vera moderna E-kulturo, ĝi kvazaŭ malfruas por 10 jaroj. La mondo jam delonge iĝis aŭdvida, oni jam delonge perceptas la mondon per bildoj, sed ne per literoj. Kaj mi ne povis kompreni, kial oni ne uzas la lingvon centprocente por ĝiaj veraj celoj - esti komunikilo inter homoj de diversaj nacioj kaj lingvoj. La plejmulto nur babilas pri tio, kia unika estas Esperanto. Kaj antaŭ unu jaro absolute hazarde naskiĝis projekto pri kolektado de filmoj, precipe subtekstoj, tradukitaj en Esperanton. En tiu projekto mi kunigis miajn ŝatokupojn: komputiloj, filmoj kaj Esperanto. Mi decidis, ke tiu projekto estu mia kontribuo al E-kulturo, ĉar mi ne scipovas kanti, danci aŭ verki.

*Antaŭ kelkaj semajnoj mi vidis, ke vi petis helpon por la laboro, kiun vi faras. Ĉu ĝis nun vi tute sola faras ĝin? Ĉu vi renkontis iun, kiu helpas vin? Kiun?*

Mi estas la sola kunordiganto ĝis nun. Tio estas tre pena kaj temporaba laboro, kiu tamen fine plezurigas. La taskoj de kunordiganto estas vivteni la retejon de la teknika flanko, priskribi afiŝatan filmon, trovi interesajn informojn pri ĝi, trovi redaktantojn kaj provlegantojn, agordi tempumon de subtekstoj. Ofte mi mem redaktas aŭ provlegas. Por iom malŝarĝi min por pli kreaj taskoj mi serĉis kaj ĝis nun serĉas la duan kaj eble la trian kunordiganton, kiu povus helpi al mi regule afiŝi filmojn en la retejo kaj eble daŭrigi aliajn projektojn. Antaŭ du monatoj aperis konstanta aŭtoro en Verda Filmejo, Kirill Ŝvedov. Li afiŝas proprajn tradukojn kaj mem prilaboras filmajn afiŝojn.




Ĉefa paĝo de filmoj.net

Ekde la komenco mi penis, ke Verda Filmejo estu komuna projekto kun pluraj kunlaborantoj. Kaj ili aperas unu post la alia por helpi diversmaniere, iu tradukas subtekstojn, aliaj redaktas, la triaj provlegas. Ĝis nun ĉirkaŭ 40 homoj jam helpis al nia projekto. Kaj mi volas aparte danki ilin.

Do, se vi volas helpi al ni, amuze kaj, kio pli gravas, utile pasigi tempon, praktiki Esperanton mi invitas vin al kunlaboro.

*Kiam vi decidas publikigi novan filmon, kiujn paŝojn vi faras ĝis la filmo aperas en la retejo? Kaj kiujn kriteriojn vi havas por elekti la filmon?*

Tiu estas tre interesa demando, ĉar ĝi tuŝas mian artan guston. Mi elektas filmojn en la unua vico, laŭ mia gusto, kiuj jam estas tradukitaj en Esperanton, ankaŭ mi penas afiŝi filmojn de diversaj ĝenroj kaj de diversaj lingvoj. Foje aperas artikoloj pri esperanta filmarto. Unu el celoj de Verda Filmejo estas afiŝi filmojn, kiu estas maloftaj de vidpunkto de monda filma distribuo. Tiuj filmoj eble neniam estos tradukitaj en aliajn fremdajn lingvojn, sed ili estas bonegaj kaj Esperanto ebligas ĝui ilin. Verda Filmejo en tiu ĉi kazo rolas kiel ponto inter diversaj kulturoj.

Ĉar mi volas, ke oni ĝuu nian laboron, mi penas fari ĝin altkvalite. Por tio mi akceptis klaran proceson, kiun mi nomas “kvalita ĉeno”: tradukanto - redaktanto - provleganto. Kelkaj homoj prilaboras unu filmon, kaj fine tio donas pli altan kvaliton ol se oni laborus pri ĝi sola.

La vizitantoj povas influi la aperon helpante pri iu filmo, kiun ili elektas el la Listo de aperontaj filmoj, kiu troviĝas en la retejo.

*Mi vidas, ke multaj filmoj estas aktualaj kaj mi supozas, ke ili havas aŭtorrajtojn. Kiel vi solvas ĉi tiun aferon?*

La Verda Filmejo ne malrespektas aŭtor-rajtojn. Ĉiuj distribuataj materialoj havas edukan kaj informan celojn. Kaj la Verda Filmejo ne respondecas pri komentoj kiuj aperas. Krome, ni havas permeson de kelkaj filmaj produktantoj traduki sub-tekstojn por iliaj filmoj kaj ilia kvanto dum la baldaŭa tempo pligrandiĝos.

*Por mi estas kurioze, ke en Verda Filmejo aperas gejaj filmoj. Kial vi decidis publikigi ankaŭ ilin?*

Dum unu jaro de ekzisto de Verda Filmejo aperis nur unu blog-afiŝo, dediĉita al temo de samsekseco. Mi ne vidas la kialojn, kial tiaj filmoj ne aperu tie. Ĉielarka kolekto lanĉis serion de filmoj pri minoritatoj, etnaj, seksaj, lingvaj kaj sociaj. Mi penas, ke fakuloj traduku filmojn, unue ĉar ili regas terminojn, due, tio plezurigos ilin, trie, la traduko estos profesia. Tiel la filmon pri Linukso tradukadis uzantoj kaj tradukantoj de E-linukso, la filmon pri ortodoksa religio kredantoj de tiu religio, kiu parolas Esperanton.

*Kiuj novaj projektoj venos de Verda Filmejo?*

Ni proksimiĝas al la nova etapo de funkciado de Verda Filmejo, al dublado. Multaj ŝatas la filmojn kun originala voĉo, la aliaj preferas dublitajn filmojn. Do, baldaŭ aperos bela kaj ĝuinda filmo, kiun ni planas finfari ĝis julio kaj prezenti dum UK kaj IJK.

Mi ŝatus daŭre verki Manlibron pri kreado kaj tradukado de subtekstoj, por ankaŭ aliaj povus lerni kaj poste kontribui per siaj subtekstoj.

Mi volas ŝanĝi la interfacon de Verda Filmejo al pli interaga por ke la uzantoj ricevu pli da libero kaj komforto.

Mi daŭre serĉos rarajn filmojn kaj helpemajn kunlaborantojn.

Eble iam ni povos ekplani kaj organizi la Unuan Filman Festivalon de Esperantaj Filmoj.

*Ĉu vi volas diri ion pli por niaj legantoj?*

Multaj esperantistoj ne konscias la kialojn, kial ili uzas la lingvon de Zamenhof, pro tio kelkaj el ili malaperas el Esperantujo. Aliaj vegetas. Mi ŝatus alvoki vin, karaj legantoj, pli aktive ekkrei la veran esperantan kulturon, tio ne nur progresigos viajn lingvajn kapablojn, sed alportos multe da plezuro kaj ĝojo. Se vi ankoraŭ pripensas direktojn de via agado, mi invitas vin al kunlaboro kun Verda Filmejo. Bonvenon!

Ni tre kore dankas al Aleksander por liaj respondoj!

Juanjo

# Kenjo eniras Esperantujon

Grava tasko de UEA estas la disvastigo de Esperanto en landoj, kie mankas organizita movado aŭ ĝi ankoraŭ ne estas sufiĉe forta por mem respondeci pri tio. Pri tiu agado ĉefe zorgas la regionaj komisionoj de UEA. Ekzemple, tiu pri Azia Esperanto - Movado (KAEM) lastatempe subvenciis vojaĝojn de instruistoj interalie al Srilanko, Laoso, Indonezio kaj Birmo.

Ĉiam pli aktiva estas la Komisiono pri Afriko, kiu ĵus sendis sian membron, la burundanon Jeremie Sabiyumva, instrui Esperanton en Kenjo. Pro la graveco de tiu lando en Afriko, UEA nun donas al ghi sisteman atenton. Pli frue jam Costantine Mashauri, tanzania delegito de UEA, vojaĝis tien por esplori la situacion kaj ligi kontaktojn kun aktivuloj de la pasintjare fondita Kenja Esperanto-Asocio. La nova asocio nun prepariĝas por registriĝo ĉe la Ministerio pri Sociaj Aferoj.

Jeremie Sabiyumva gvidis kurson en Nandi Hills, kie lin akompanis Julius Kirwa kaj Evans Ochoki, respektive prezidanto kaj ĝenerala sekretario de KEA. La kursanoj ne estis komencantoj, sed ili jam antaŭe lernis koresponde kaj per lerniloj senditaj de la Afrika Oficejo de UEA. Ili tamen malofte povis praktiki la lingvon kun aliaj esperantistoj. Temis pri progresantoj, kiuj pretas memstare gvidi kursojn en siaj loĝlokoj. Partoprenis naŭ personoj; la plej juna 32-jara kaj la plej agha 49-jara. Krom pri gramatiko, ili lernis pri la historio de Esperanto ĝenerale kaj en Afriko aparte, pri organizado de landa movado kaj pri informado. La kurso finiĝis per ekzameno, kiun ĉiuj sukcese trapasis.

Sabiyumva promesis al la aktivuloj de KEA, ke en proksima estonteco la Afrika Komisiono de UEA klopodos sendi alian esperantiston al Kenjo por unu monato. Li instigas ankaŭ eksterafrikajn esperantistojn viziti tiun turisme allogan landon por doni al la esperantistoj tie pli da rektaj kontaktoj kaj okazoj por praktiki la novan lingvon. Sabiyumva alvokas helpi la kenjan movadon per mondonacoj al Fondaĵo Afriko de UEA, kiu financas la instruvojaĝojn kaj provizadon per lernomaterialoj, au per sendado de lerniloj, libroj kaj aliaj esperantaĵoj rekte al Kenja Esperanto-Asocio, P. O. Box 204, Eldoret, Kenjo.

Gazetara komuniko de UEA

## Andaluzia Kongreso




La 15a Andaluzia Kongreso de Esperanto okazos en Ĥaeno (Hispanlingve, Jaén) inter la tagoj 30a, 31a de oktobro kaj 1a de novembro de 2010.La kongresejo estos la Junulara Gastejo de Ĥaeno, kiun oni uzos ankaŭ kiel tranoktejon kaj manĝejon.

pli da informo kaj aliĝo:

http://andaluciaesperanto.blogspot.com

# Varia temaro en la havana IKU




Internacia Kongresa Universitato allogas en la lastaj jaroj multe da prelegproponoj de universitatanoj kaj aliaj fakuloj. Por prelegi en ĝia 63-a sesio dum l a 95-a Universala Kongreso de Esperanto en Havano (17-24 julio 2010) estis 20 kandidatoj, t.e. pli ol duoblo de la naŭ prelegoj, kiuj konsistigos la programon de IKU. Ĉar aldone la kvalito de la proponoj estis tre alta, la tasko de la speciala UEA-komisiono, kiu prijuĝis ilin, ne estis facila. La finan decidon faris la Estraro de UEA, kiu plene sekvis la rekomendon de la komisiono.

En Havano okazos jenaj naŭ IKU-prelegoj, kiuj traktos plej diversajn temojn: kulturo, literaturo, lingvo, esperantologio, fiziko, medio kaj medicino:

Duncan Charters: "Etnaj kaj preteretnaj kulturoj";

Jane Edwards: " Kultura dinamiko de la kuba diasporo";

Maritza Gutiérrez: "Lingva diverseco en Latinameriko";

Hidenori Kadoya: "Lingvaj rajtoj en la Esperanto-movado";

Stefan MacGill: "Esperantodidaktiko";

Orlando Raola: "Neŭtrona difrakto";

Humphrey Tonkin: "Shakespeare en multlingva mondo";

Rafaela Urueña: "Protektado de la medio";

José Antonio Vergara: "Medicinaj sistemoj en interkultura dialogo".

Kiel la temoj sugestas, pluraj prelegoj rilatas al la temo de la 95-a UK, "Interproksimigo de kulturoj". La prelegoj de Charters, Tonkin kaj Urueña estos samtempe kursoj de Akademio Internacia de la Sciencoj. La dumkongresaj AIS-kursoj konsistas el tri prelegoj, el kiuj la IKU-prelego estos la unua, sekvata de du daŭrigaj prelegoj por pli profunda traktado de la temo. La kunlaboro inter IKU kaj AIS komenciĝis en 1995.

La prelegotekstoj aperos en la t.n. IKU-libro, lanĉota en la UK. Kelkaj antaŭaj IKU-libroj estas ankoraŭ haveblaj ĉe la Libroservo de UEA. Pluraj IKUlibroj estas konsulteblaj en la IKU-sekcio de la kongresa retejo de UEA, kie baldaŭ aperos ankaŭ la resumoj de la ĉi-jaraj prelegoj:

http://www.uea.org/dokumentoj/IKU/index.html

# Diplomoj pro fidela membreco en UEA

Fine de januaro la Centra Oficejo ekspedis la lastajn diplomojn al tiuj individuaj membroj de UEA, kiuj ĝis la pasinta jaro membris en la Asocio minimume 40 aŭ 50 jarojn. Ĉiuj diplomoj estis subskribitaj de la Prezidanto de UEA, prof. Probal Dasgupta. Tiu rekono de fidela membreco estis enkondukita pasintjare kaj la unuaj diplomoj estis disdonitaj en la Universala Kongreso en Bjalistoko. Entute 186 membroj ricevis la honorigon pro 50-jara membreco, dum 259 membroj estis diplomitaj pro 40-jara membreco. Sekve 445 membroj, t.e. 7,8% el ĉiuj individuaj membroj de UEA, apartenas al sia Asocio jam almenaŭ 40 jarojn.

La eltrovado de diplomotaj membroj postulis grandan laboron, kiun en sia libera tempo plenumis Loes Demmendaal, estrarano pri financo kaj administrado, ankaŭ iniciatinto de la diplomoj. Ŝi devis trarigardi la tutan malnovan membrosliparon de UEA, slipon post slipo, ĉar en 1981, ekde kiam la administrado okazas komputile, la antaŭa kotizhistorio de la tiamaj membroj ne estis registrita en la komputilo. Ĉar diplomon povis ricevi tiuj, kiuj aliĝis al UEA jam pli ol 10 jarojn antaŭ la administra modernigo, ilia eltrovado eblis nur per mana kontrolo de la malnovaj dosierujoj, en kiuj estas gardataj la slipoj de kelkdek mil iamaj membroj de UEA.

Parto de la ricevintoj de diplomo pro 40-jara membreco ricevos ĉi-jare novan diplomon, tiun pro 50-jara membreco. La unua disdono de diplomoj okazos ĉiam en la Universala Kongreso, post kiu la neĉeestintoj ricevos sian diplomon poŝte aŭ eventuale en la Malferma Tago de la CO aŭ alia taŭga okazo.

laŭ CO de UEA

fonto: Ret-Info

www.eventoj.hu

## Libroj por Kubo

Por kubaj esperantistoj la libroservo de la 95-a UK en Havano estos unika okazo aĉeti Esperanto-librojn. Por ke ili povu efike utiligi tiun ŝancon, UEA forte rabatos ĉiujn prezojn kaj krome alvokas donacojn al la speciala konto "Libroj por Kubo". La kolektita sumo estos egale dividita inter la kubaj kongresanoj, kiuj ricevos donackuponon por butik-umado en la libroservo.

Kiu volas ĝojigi kubajn kongresanojn kaj diskonigi la Esperantan literaturon en Kubo, bv. fari sian donacon prefere antaŭ la fino de junio. Oni povas pagi al kiu ajn bankokonto de UEA aŭ ĝiri el sia UEA-konto. La pago havu la indikon "Libroj por Kubo". UEA dankas al ĉiuj, kiuj kontribuos al la kampanjo!

# Volumo pri religiaj kaj filozofiaj ideoj de Zamenhof

Sub la titolo "Religiaj kaj filozofiaj ideoj de Zamenhof: kultura kaj socia fono" aperis la aktoj de la 32-a Esperantologia Konferenco, kiu okazis en la 94-a Universala Kongreso de Esperanto en Bjalistoko en 2009. La volumon redaktis Christer Kiselman, kiu ankaŭ gvidis la konferencon.



En la volumo aperas la prelegoj de Tsvi Sadan (Tsuguya Sasaki) el Israelo/Japanio ("Juda fono de Zamenhof kaj Esperanto"), Vytautas Šilas el Litovio ("Zamenhof kaj Litovio. Nia judo"), Zbigniew Romaniuk el Pollando ("Novaj faktoj el la vivo de la Zamenhof-familio") kaj Christer Kiselman el Svedio ("La evoluo de la pensado de Zamenhof pri religioj kaj la rolo de lingvoj"). Krom ili la aktoj konsistas el antaŭparolo de Kiselman, enkonduka salutmesaĝo de Louis C. Zaleski-Zamenhof kaj la konkluda parolado de Humphrey Tonkin ("Zamenhof hodiaŭ kaj morgaŭ"). En la konferenco prelegis ankaŭ Aleksander Korjhenkov el Rusio ("Aktualaj problemoj de zamenhofologio"), kies teksto aperis en la revuo "La Ondo de Esperanto" (n-roj 2-4/2009).

"Religiaj kaj filozofiaj ideoj de Zamenhof", grandformata kaj plaste kovrumita, havas 65 paĝojn. Ĝia prezo ĉe la Libroservo de UEA estas € 9,90 (plus sendokostoj kaj, en EU, imposto 6%; ekde 3 ekz. rabato de 1/3).



# Hispana Kongreso 2010 en Santiago de Compostela

La 69a Hispana Kongreso, organizota de Hispana Esperanto - Federacio kaj Galega Esperanta Asocio, okazos inter la 2a kaj la 5a de julio de 2010 en antikva galega urbo Santiago de Compostela [Santjago de Kompostela], fama ekde mezepoko kiel celo de la Jakoba Vojo.

## Provizora Programo:

**Vendredo, julio la 2an**

10:00 Akceptado (Kongresejo)

11:00 Solena Malfermo

12:00 Oficiala akceptado (Urbodomo)

13:00 Tagmanĝo (Universitata manĝejo)

16:00 Vizito al la Galega Popola Muzeo

17:00 Kursoj pri Galega aŭ Esperanto (Kongresejo)

18:00 Prelego pri Esperantismo

19:00 Interkona vespero

**Sabato, julio la 3an**

09:30 Pilgrimadeto ekde Monto de Gozo

11:00 Meso en kapelo de la Katedralo

12:00 Oficiala foto ĉe Aleo

13:00 Tagmanĝo (Restadejo Monte da Condesa)

15:00 Ekskurso tra la vojo de Rosalia de Castro

16:00 Vizito al la Muzeo Rosalía (Padrón)

17:00 Ekskurso: Ria d'Arousa-O Grove-Rivero Ulla-Pontecesures

22:00 Reveno al Santiago de Compostela

**Dimanĉo, julio la 4an**

10:00 Eksterordinara Ĝenerala Kunveno de HEF (Kongresejo)

12:00 Libera tempo

13:00 Tagmanĝo (Universitata manĝejo "Fonseca")

16:00 Kursoj Galega aû Esperanto en (Kongresejo)

17:00 Prelego pri la Vojoj: al Santiago kaj Kumano

18:00 Vizito al la urbo

19:00 Ludo tempo

### Lundo, julio la 5an

10:00 Kursoj de Galega aû Esperanto (Kongresejo)

11:00 Prelego pri lingvoj (Kongresejo)

12:00 Oficiala fermo.

13:00 Tagmanĝo kaj adiaŭo.

➢Noto: La kongresejo estos en la “Fundación Caixa Galicia”, Carreira do Conde, 18.

➢Kotizo (vidu aliĝilon en la sekva paĝo) inkluzivas nek loĝadon, nek ekskurson al Padrón kaj ŝipveturadon.

➢Por aliĝi sendu sekvan aliĝilon retpoŝte al ealvarez@ral.es aŭ per tradicia poŝto al jena adreso: Maria Elvira Alvarez Iglesias Urzaiz, 84 – 2º B. 36204 – VIGO (Pontevedra).

➢Ankaŭ eblas pagi surloke, sed vi ne povos profiti la rabaton pro frua aliĝo.



## Gastado

➢Hotel Fonte de San Roque:

(www.hotelfontedesanroque.com), tf.: +34 981-554-447/363, unulita ĉambro laŭ situacio ekde 39€ ĝis 51€ po nokto. Dulita ĉambro, 72€.

➢Hotel Bnor:

(www.hotelbnor.es), tf.: +34 981 596 911, dulitaj ĉambroj 65 € ĉiu po nokto, oni bezonas antaupagon por rezervi.

➢Residencia Castelao: (www.residenciacastelao.es), tf.: 981 594 125 /615 068 877, du, tri kaj kvar litaj ĉambroj (prezo ne indikita).

Plia informo en www.galegio.org aŭ skribu al lourenzo.vidal@gmail.com aŭ ealvarez@ ral.es

# La Muzeo de Subirats remalfermiĝas




La Muzeo de Esperanto de Subirats, internacie konata kiel Muzeo de Esperanto de Hispanio, situas en la kataluna vilaĝo Sant Pau de l'Ordal kaj temas pri unu el la plej gravaj arĥivo-bibliotekoj de Esperantio, kun 25.000 diversaj objektoj/publikaĵoj. Ĝi posedas ekzemple 15.000 revuojn kaj 9.000 librojn krom multaj aliaj informiloj, pinglaĵoj, flagoj, afiŝoj kaj memoraĵoj.

La impresa kolekto ŝuldiĝas al la esperanta fervoro de la forpasinta kreinto, s-ro Lluís Hernández Izal kiu, krom partopreno en sennombraj aranĝoj, tenis korespondadon kun pli ol 800 esperantistoj el la tuta mondo.

Do, lastatempe, la turisma patronaro de la regiono (Subirats), interkonsentis kun Rafael Hernández, filo de Lluís, malfermi la muzeon al la loka publiko. El tio venis kontaktoj kun Kataluna Esperanto-Asocio kiu, siavice proponis min kiel unua prizorganto de la muzeo en la unua provperiodo. Post du monatoj oni konsideros la rezultojn de la nova iniciato kaj eventuale modifos ĝin por adapto al la publika respondo.

La vizito al la muzeo kostas 2 €.

Fonto: Karles ipernity.com/blog/berga/




Interno de la muzeo.

Turismesubirats.com




Reklamo pri esperanta bazaro.